17 Novembre 1907. | 17a Novembro 1907. 72a NUMERO. | 17n November 1907

6a JARO, 5a numero

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

Au moins un an . . . . . fr. 6,00
Avec inscription à la Ligue *au moins* » 7,00
Membre protecteur de la Ligue avec abon.(Statuts p.II) *au moins* » 10,00
Un numéro . . . . . . . . » 0,25
$1^{e}$ et $2^{e}$ année ) en Belgique ( . » 5,00
$3^{e}$, $4^{e}$ et $5^{e}$ » ) *chacune* ( . » 6,00
Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* » 1,00

## ABONOJ

Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . Sm. 2,40
Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* » 2,80
Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* » 4,00
Unu numero en Belgujo . . . » 0,10
$1^{a}$ kaj $2^{a}$ jaro) en Belgujo ) . . « 2,00
$3^{a}$, $4^{a}$ kaj $5^{a}$ » ) *ĉiu* ) . . » 2,40
ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . . » 0,40

## INSCHRIJVINGEN

Ten minste 1 jaar . . . . . fr. 6,00
Met inschrijving in den Bond. *ten minste* » 7,00
Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr.. p. II) *ten minste* » 10,00
Een nummer . . . . . . . » 0,25
$1^{e}$ en $2^{e}$ jaar ) in Belgie ) . . » 5,00
$3^{e}$, $4^{e}$ en $5^{e}$ jaar) *ieder* ). . . » 6,00
Buitenland . . . . . *meer* . » 1,00

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch,**

**BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la $1^{a}$ de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn $n^{ojn}$. Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le $1^{er}$ Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les $N^{os}$ parus.

Het jaar begint den $1^{n}$ September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | Nacie | | Internacie | |
|---|---|---|---|---|
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | Sm. | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) II. 313 | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm . . | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | . . . |
| **Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, $118^{bis}$, rue d'Assas, Paris, . . . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | $m^{k}$ | 3.00 | » | 1.50 |
| **Helpa Lingvo**, $F^{ino}$ G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris $III^{a}$ . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **Laboro**, $S^{ro}$ Paul Blaise, 4, rue Bourg Tibourg, Paris $IV^{e}$ . . . . . . . | » | 3.00 | » | 1.20 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, $B^{d}$ $S^{t}$ Germain, Paris . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, $V^{e}$, . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska $n^{o}$ 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, $S^{t}$ Petersbourg. | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . | k. | 2.40 | » | 1.00 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | » | 2.50 | » | 1.00 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **The American Esperanto Journal**, Boulevard Station, Boston, Mass. . . . . | d. | 1.00 | » | 2.00 |

**Espérantistes !**

**Détachez cette feuille intérieure de la ouverture et utilisez-la pour la propagande !**

**Esperantisten !**

**Neemt dit binnenste blad van den omslag weg en benuttigt het voor de propaganda !**

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR. EEREKOMITEIT.

M. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.

le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.

le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.

le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.

le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.

J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.

MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.

O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.

ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

**Siége : BRUXELLES, RUE DE TEN BOSCH, 53.**

*résident* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.

*ice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.

*crétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN.

*résorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.

*embres* (Leden) Melles A. GUILLIAUME, E. LECOINTE, MM. H. CALAIS, O. CHALON, Ed. MATHIEU, H. PALMER, Dr M. SEYNAVE, H. THIRY, Dr R. VAN MELCKEBEKE, Lt. VAN WEYENBERGH, Lt. Cl. VERMEULEN, A.-J. WITTERYCK.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de pports, etc., s'adresser au Secrétaire Général :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Schrijver :

**rue de Ten Bosch, 53, Bruxelles.**

## EXTRAIT DES STATUTS.

ART. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste ge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des probateurs de l'Esperanto en Belgique.

ART. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propa- la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relaus de la Belgique avec l'étranger.

ART. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds ial pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existce de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des rimés de propagande, organiser des conférences, des cours es expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura reconnu utile.

RT. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme :

Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

ux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de t l'organe officiel.

## Uittreksel der Standregelen.

ART. 1. — Onder den titel « **Belgische Esperantische Bond** » (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

ART. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

ART. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

ART. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

# La Belgique

## artistique et littéraire,

*Revue*

NATIONALE DU MOUVEMENT INTELLECTUEL.

Paraissant en fascicules mensuels d'au moins 150 pages, LA BELGIQUE est la plus importante de nos publications périodiques. Elle publie des articles d'art, de littérature, de critique, d'érudition, etc., signés des noms les plus autorisés du monde intellectuel belge.

Tous les mois : **CHRONIQUE DES LIVRES** par Mme Blanche Rousseau, MM. Paul André, Arthur Daxhelet, Georges Dwelshauwers, Ernest Mahaim, Georges Marlow, Henri Maubel, Ed. Ned, Sander Pierron, Fernand Séverin, etc.

**LES SALONS** par Grégoire Le Roy.
**LES THEATRES** par Paul André.
**LES CONCERTS** par Eugène Georges.

*ABONNEMENT :*

| | | | |
|---|---|---|---|
| BELGIQUE, 1 AN : 12 FR. | 6 MOIS : 7 FR. | 3 MOIS : 4 FR. |
| ÉTRANGER, » 15 FR. | » 9 FR. | » 5 FR. |

**LE NUMÉRO : 1 FR. 25 CHEZ TOUS LES LIBRAIRES.**

BUREAUX :

*26-28, Rue des Minimes, BRUXELLES.*

LUEBLA.

# Internacia Socia Revuo

MONATA ESPERANTA GAZETO

**Internacie redaktata kaj ilustrata pri ĉio, kio interesas la homaran vivadon.**

Redakcio kaj Administracio : 45, Rue de Saintonge, PARIS 3e
**Jara abono** : 6 frankoj (2,40 Sm.) (pageblaj laŭvole kvaronjare fr. 1,75 (70 Sd.)
Abonantoj-monoferantoj ; Jare *almenaŭ* 20 fr. (8 Sm.)
Por ricevi unu numeron, oni sendu 60 cent. (24 Sd.)

# The British Esperantist

Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. angle-esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono. Jare 4 fr. (1,60 Sm.)
Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A., 13, Arundel Street, Strand, London.

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo de la
*Internacia Scienca Oficejo Esperantista*

JARA ABONO : 2,75 SPESMILOJ -- 7 FR.
UNU No : 25 SPESDEKOJ.

Ĉe la Administracio kaj Redakcio :
6, rue Bovy-Lysberg en Genevo (Suisse).

*Laŭ bezone, ankaŭ ĉe Administranto de La Belga Sonorilo.*

# " TRA LA MONDO "

**Tutmonda multilustrata revuo esperanta**

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj.
Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo.
Oni abonas « Tra la Mondo » ĉe la belgaj, holandaj ka danaj poŝtoficejoj.
Postulu « Tra la Mondo » en ĉiuj francaj stacidomoj.

# Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktata en franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro ĉe la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15a de Oktobro ĝis la 1a de Aŭgusto.

**Unu numero** : 1.00 franko. (40 Sd.)
**JARA ABONO** : **Belgujo** : 5.00 frankoj. (2 Sm.)
**Alilando** : 7.50 frankoj. (3 Sm.)

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,** LIEGO (LIEGE).

# L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . fr. 3.50 (1.40 Sm.)
Avec inscription à la Société fr. 4.00 (1.60 Sm.)

17 Novembre 1907. 17ª Novembro 1907. 72ª NUMERO. 17ⁿ November 1907.

6ª JARO, 5ª numero.




Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.

## Unification des coordonnées géographiques.

On sait déjà combien l'emploi de la division décimale du quart de cercle a fait des progrès partout. Personne ne pouvant résister au progrès, on peut prévoir le moment où les nouvelles générations, habituées par l'enseignement universitaire à cette nouvelle unité angulaire décimale, ne voudront plus entendre parler du degré actuel.

Il est donc à souhaiter qu'on gradue les nouvelles cartes marines en grades, comme le sont déjà en Belgique les cartes récentes du service géographique.

Le centigrade remplacera alors la minute d'arc et le nœud ou mille marin disparaîtra pour faire place au kilomètre, qui est égal à un centigrade arc au niveau moyen des mers.

La décimalisation de l'angle est aussi liée très étroitement à l'unité de longueur tirée de la grandeur de la terre.

La valeur du mille marin de 1852 mètres n'est pas une relation simple, c'est la valeur en mètres d'une minute d'arc, c'est-à-dire de la 1/21600e partie du cercle entier.

Les services hydrographiques des diverses nations devront transformer successivement les cartes marines, comme le font actuellement les instituts géodésiques. On devra appliquer d'abord la décimalisation de l'angle d'une manière fixe, comme sur la carte d'Etat-major au 1/80000, on devra éditer

## Unuigo de la geografiaj koordinatoj.

Oni jam scias kiom progresadis ĉie la uzado de la dekuma gradigo de la ortangulo. Ĉar neniu povas kontraŭstari la progresadon, oni povas antaŭvidi la epokon, kiam la novaj generacioj kutimigintaj de la universitata instruado al tiu-ĉi nova dekuma unuo, ne plu akceptos la nuuan unuon de sesuma gradigo.

Estas do dezirinda ke oni gradigu la novajn markartojn dekumagrade kiel, en Belglando, jam estas la tutnovaj kartoj de la geografia oficejo.

La gradocentono (centono de dekuma grado) anstataŭigos tiam la « arkminuton » (sesdekono de la malnova grado), kaj la knoto (1), tio estas unu mara mejlo horope (2), malaperos lasante ĝian lokon al la metromilo kiu egalas unu arkan gradocentonon je la meza altitudo de la maroj.

La dekumigo de la angulo estas ankaŭ intime kunligata kun la unuo de longeco, devenintа de la grandeco de la Terastro.

La valoro de la mara mejlo (1852 metroj) ne estas simpla rilato; ĝi egalvaloras unu arkminuton metre elmezuratan, tio estas la 21600ona parto de la tuta meridiancirklo.

La hidrografiaj oficejoj de la diversajnacioj, pro neceso, aliformigos la markartojn; tiele agas nune la geodesiaj institutoj. Oni devos almeti neŝanĝeble la angulan dekumigon kiel en la oficialaj kartoj

(1) *France: Nœud, Angle: Knot.*
(2) *La knoto estas la esprimo de rapido.*

ensuite des cartes routières entièrement décimales et la transformation se continuera par les cartes de détail pour lesquelles une graduation décimale supplémentaire sera suffisante pour commencer.

La graduation du méridien et des parallèles sera donc décimale sur les futures cartes marines.

Quand l'accord sera fait sur l'unité décimale d'angle, il y aura lieu d'examiner s'il ne convient pas d'adopter deux modifications importantes.

L'emploi du signe négatif pour la latitude sud présente certains inconvénients ; on peut l'éviter en mesurant les angles du pôle nord et en les comptant de 0 à 200 grades. Ce système est déjà usité dans plusieurs ouvrages d'astronomie pour indiquer la position des étoiles ; on l'appelle distance polaire.

Or, si cette méthode est bonne pour les étoiles, elle doit être aussi avantageuse pour la fixation de la position d'un point sur la terre. Cet angle est ce qu'on appelle souvent la co-latitude, c'est-à-dire l'angle complémentaire de la latitude. Il conviendrait de donner à cet angle un nom rappelant son origine polaire, comme politude. Quelques formules seront un peu modifiées, mais en revanche, on évitera le signe —, cause de nombreuses erreurs de calcul.

On prendrait vite l'habitude de connaître les positions géographiques, dans le système des politudes, si on l'adoptait d'une manière définitive.

Les futures cartes marines devront donc être divisées en méridiens et parallèles disposés de manière à représenter dans le sens des latitudes des longueurs exactes de kilomètres ou des multiples décimaux du kilomètre : 1 kilomètre, 10 kilomètres, 100 kilomètres, ou même 100 mètres pour les plans à grande échelle, correspondant exactement à des arcs de 1 centigrade, 10 centigrades, 1 grade ou 1 milligrade.

On voit donc les avantages immenses de la corrélation intime qui existera entre l'unité de longueur, le mètre, et l'unité angulaire, le grade.

L'unification des documents cartographiques augmentera ainsi chaque jour davantage, l'unité étant la même sur terre que sur mer.

*(La Belgique Maritime et Coloniale).*

de la Stabo je la 80000ona skalo, oni devos poste eldoni vojajn kartojn tute dekumigitajn kaj tiu-ĉi aliformigo fine atingos la detalajn kartojn kiuj nur bezonas, en la komenco, dekuman aldonotan gradigon.

La gradigo de meridiano kaj paralelcirkloj (latitudocirkloj) estos do dekuma en la estontaj markartoj.

De la momento kiam estos farita interkonsento pri dekuma unuo angula, estos necese pripensi ĉu du gravaj ŝanĝoj ne estos taŭge akcepteblaj.

La uzado de la negativa signo kiel esprimo de la suda latitudo prezentas iajn netaŭgaĵojn; oni povas ilin malaperigi mezurante la angulojn de la norda poluso kaj komputante ilin de 0 ĝis 200 gradoj. (dekumaj). Tiu-ĉi sistemo estas jam uzata en pluraj astronomiaj verkoj por difinigi la lokon de la steloj en la ĉielo ; oni nomas ĝin polusadistanco.

Ĉar tiu-ĉi metodo taŭgas por la steloj, kredeble ĝi ankaŭ estas profitplena por difinigi la lokon de punkto sur la Terastro. Tiun-ĉi angulon ofte oni nomas ko-latitudo, tio estas la komplementa angulo de la latitudo. Estus taŭga ke oni donu al tiu-ĉi angulo nomon kiu memorigos ĝian polusan devenon, ekzemple politudo. Kelke da formuloj iome sanĝiĝos, sed, aliparte, oni evitos la negativan signon, kaŭzon de multnombraj kalkulaj eraroj.

Oni kutimiĝus rapide ekkoni geografiajn lokojn per la polituda sistemo, se oni ĝin akceptus neŝanĝeble.

Do, la estontaj markartoj enhavos meridiancirklojn kaj paralelcirklojn aranĝitajn tiamaniere ke ili reprezentos, laŭ la latitudo, entjerajn nombrojn da metromiloj aŭ dekumajn entjeroblojn da metromilo : 1, 10, 100 metromiloj, aŭ eĉ 1 metrocento, por la kartoj je granda skalo, akurate rilatantaj al meridianarkoj de 1 gradocentono, 1 gradodekono 1 grado aŭ 1 gradomilono.

Oni vidas ja la gravajn profitojn de la intima interrilato kiu kunligos la unuon de longeco, kio estas la metro, kun la unuo de angulo, kio estos la dekuma grado.

La unuigo de la geografikartaj dokumentoj tiele pliiĝos ĉiutage, la unuo estonte sama sur tero kaj sur maro.

*Tradukis* Lt M. Cardinal.

Eltirita el « *La Belgique Maritime et Coloniale* ».

---

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

En la grava ilustrita revuo franca « Je sais tout » ni vidis belan montron de Esperanto kun fotografaĵoj de la vortara libro, portreto de Dro Zamenhof kaj kelkaj aliaj bildoj. Inter ili ni surprize rimarkis portreton de nia bona amiko advokato Michaux admonante sian rusan klienton ; nia kuraĝa amiko ne plu havas barbon !

En Cambridge, fondiĝis internacia Societo Esperantista de liberpensuloj sub titolo « Libera Penso ».

La jara kotizaĵo kun abono de la monata Bulteno estas fr. 2.50 (unu spm.). Sin turni al la provizora sekretario, Sro R. Deshays, en Sens, Franclando.

Niaj holandaj amikoj, de kiuj la agado estas senlaca kvankam nesufiĉe konita de ĉiuj, havas nun oficialan organon titolitan « Amsterdama Pioniro ». La abonprezo estas jare fl. 1.50 (1.25 spm.) kaj la adreso de la administracio : Singel 386, Amsterdam.

Ni ankaŭ ricevis novan revuon el Manila, titolitan « Filipina Esperantisto » kiu estas la organo de la Esperanta Asocio de la Insuloj Filipinaj. Tiu revuo pligrandigas la nombron de la ĵurnaloj kiuj disvastigas la lingvon en la malproksimaj landoj ; al ĝi ni

deziras bonvenon kaj efikan prosperon. La kosto de la abono estas montrita sur la ĵurnalo per granda litero P strekita; malgraŭ niaj klopodoj, ni povis traduki la prezon nek per franko nek per spesmilo. Kiu helpos nin?

Grava gazeto pola «*Glos lekarzy*» (Voĉo de kuracistoj) enhavas artikolon Esperantan pri fondo de Internacia korespondado de Kuracistoj. De nun la iniciatoroj malfermas enketon pri profesia sekreto de kuracistoj. La kuracistoj povas mendi la unuan kajeron de la « Internacia Korespondado de Kuracistoj » sin turnante al la redaktoro de la supredirita ĵurnalo: D^ro^ Stefan Mikolajski. strato Sniadeckich, 6, en urbo Lwow, Aŭstrio-Galicio.

La Revuo organizas serion de konkursoj al kiu ni altiras atenton de niaj gelegantoj, kiujn tiklas la literatura muzo (kompostistoj ne kompostu «muso» aŭ «muŝo»!). Al ĉiuj konkursoj la Revuo difinos gravajn premiojn. De nun, la unua konkurso celas finon al la rakonto de Stockton: « Ĉu la virgulino aŭ la tigro », kiu aperis en la 14^a^ numero de la Revuo.

Kiel ni jam anoncis, la proksima kongreso okazos en urbo Dresden. La elekto estas oficiala, tion decidis la Germana Esperantista Societo. La «Kvara por la Kvara», tiel estas la organizanta komitato, de nun laboras por la sukceso de la afero. La kvar membroj estas jenaj: Prezidanto: D^ro^ Mybs, Altona, Markstr. 68, al kiu oni devas adresi ĉiujn demandojn ĝis la definitiva translokiĝo al Dresden (en komenco de somero 1908); vicprezidanto: asesoro D^ro^ A. Schramm, Dresden, Neues Ständehaus; sekretariino: Sinjorino Prof. Hankel kaj kasisto: Referendaro Arnhold.
Kaj de nun « Ĉiujn antaŭen por la Kvara! ».

En «La Revuo» ni ĉerpas la sciigon pri starigo de la estraro de l' komitato elektita de la « Delegacio » de kiu la decidoj estos tiel gravaj por la estonteco de nia kaŭzo. Honora prezidanto estas: Prof. Förster; prezidanto: Prof. Oswald; vicprezidantoj: Prof. Baudouin de Courtenay kaj Jespersen.

Multaj partoprenantoj de la Tria Kongreso decidis elekton de «Esperantista Vilaĝo» en la proksimeco de la venonta kongresurbo, kie Esperantistoj el ĉiuj landoj povos pasigi siajn libertempajn monatojn. Eble ne multo havos «libertempajn monatojn» sed «libertempajn tagojn aŭ eĉ nur horojn». Tamen la projekto estas alloganta kaj meritas apogon de ĉiuj. Kiu sin interesos al la afero bonvolu sinturni al S^ro^ Sidney Whitaker, M. D. Waterloo, Liverpool, kiu ankaŭ dankeme ricevos helpajn donacojn aŭ kotizaĵojn eĉ malgrandajn, ekz. 0.50 spm. por la elspezoj de tiu afero.

MOZANO.

---

Unu el la plej bonaj verkistoj, kiu bedaŭrinde skribas malofte, A. Kofman el Odessa, verkis jam de kelkaj monatoj la rakonton, kiun ni prezentas hodiaŭ al niaj gelegantoj; ĝi estas plenhumora kaj plie tre originala.
Tiun rakonton ni ĉerpis el la literatura aldono de la revuo « Lingvo Internacia ».

## KRISTINO, PRETIGU LA LITON!

### (Terura rakonto).

*La temo*: « ... revuo, tute redaktata en Esperanto... Ĝi enhavos: novelojn, romanojn... seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko... »
« Ĉio politika, religia, aŭ kio povus naski disputojn, estas malakceptata de la Redakcio. »

La leganto sendube scias kial oni eldonas gazeton. Sed eble li volas scii kial oni *ne* eldonas ĝin? Mi estas feliĉa povi kontentigi lian scivolon.
La 1^an^ decembron mi estis fine preta. Mi rigardis karesokule la ricevitajn artikolojn, foliumis ilin, palpis ilin, turnis ilin kaj senĉese ripetis: « la unua numero baldaŭ eliros, baldaŭ eliros! » Kiom da penoj, da ŝvitlaborego kostis al mi la kolekto de tiuj manuskriptoj! En la kvalito de komencanta eldonisto de nova esperantista gazeto mi atakis miajn samideanojn per petegoj de senpagaj verketoj, mi priĵuris ilin « en la nomo de nia sankta afero » sendi al mi artikolojn, versaĵojn, kronikojn, sciigojn kaj pruvis al ili la neceson krei novan gazeton en mia patrujo, se ili ne volas, ke Esperanto pereu. Multaj samideanoj sin pardonigis pro manko de tempo, multaj detenis min de l' entrepreno aliaj promesis sendi, sed nenion sendis, aliaj nenion promesis kaj nenion sendis, sed kelkaj sendis. Fine mia kolekto estis preta, la unua numero povis presiĝi.
Tamen, sciante, ke oni devas esti ĉirkaŭrigardema kaj senpartia en la elekto de la materialo kaj eviti tiklajn temojn, mi timis preni sur min la respondecon kaj trovis saĝa peti konsilon. Mi havis bonan amikon, sinjoron Tri-Steloj, kiu, estante homo trankvila, pacama kaj malpartiema, bonege povus servi min. Lia dolĉa karaktero, fremda al konfliktoj, al kapricoj, al maltoleremo kvazaŭ estis intence farita por helpi esperantistan eldoniston. Tial, preninte mian paperujon, en kiun mi metis la karan materialon, mi eliris el la domo kaj direktiĝis rekte ĉe lin.
Li loĝis iom malproksime, ekster la urbo, apud la malnova tombejo. Li ofte diris, ke li intence elektis tiun lokon trankvilan, malbrueman, silentan, ĉar ĝi bonege harmonias kun lia karaktero. Mi volonte kredas tion.
Mi iris.
Por mallongigi la vojon, mi trairis la tombejon

kaj silente rigardis la mutajn monumentojn. Ĉu vi iam promenis sur tombejo?

La vojo inspiras profundajn pensojn. Ne vidante la enterigiton, vi malgraŭ tio povas fari al vi precizan ideon pri la grado de l' avideco de la mortinto. Jen, tiu monumento en la formo de dehakita trunko kostas ĉirkaŭ 300 rubloj; kalkulante 50 kopekojn por unu tago de manĝo, de loĝo k. c., oni facile venas al la konkludo, ke tiu mortinto forprenis kun si en la ĉerkon unu satan tagon kaj unu noktrifuĝon de 600 vivantaj homoj. Pli malproksime leviĝas potenca obelisko sur belega marmora bazo: ĝi kostis ne malpli ol 10.000 rublojn, sekve la kadavro devigis unn familion de 5 personoj fasti 4.000 tagojn kaj pasigi 4.000 vintrajn noktojn en la strata frosto, aŭ 4.000 aŭtunajn noktojn sur kota tero, ne parolante pri la enteriga procesio, kiu kostis kelkajn centojn da rubloj kaj sekve denove fastigis kaj surpavimigis virinojn kaj infanojn, aŭ pri la rekompenco de la mesdirintaj pastroj, kiuj siavice fastigis, surpavimigis k. c. Sed kial mi parolas pri la tombejo, intencinte rakonti pri esperantista gazeto? Mi petas pardonon. En la lasta tempo oni tiom multe okupiĝas pri ĉerkoj kaj tomboj, precipe en Rusujo, ke ili ne volas foriĝi de miaj okuloj, ili ĉirkaŭas min, ili minacas min sufoki, kaj vi scias — kion oni vidas, tion oni sonĝas.

Nu, mi trairis la tombejon kaj min direktis al mia amiko. Enirinte lian ĉambron, mi premis al li la manon, kaj feliĉe ridetante metis la paperujon sur la tablon.

— La manuskriptoj? — li demandis.

— Jes, mia kara. Mi petas vian juĝon. Timante fari maljustan elekton, ĉar la esperantistoj estas tre tiklemaj kaj tre delikataj koncerne religiaj, politikaj, socialaj kaj ceteraj temoj kaj sciante, ke vi estas homo.....

— Jes, jes, mi aŭdis tion ĉi antaŭ kelkaj tagoj, — diris li kun sia ĉarma modesteco. — Nu, montru la artikolojn!

Mi malligis la paperujon kaj ameme prenis la unuan kajeron, kiu estiĝis ĉe la mano.

— Hm... « *Pri la ĉeso de la kristaneco en la kvara jarcento post Jezo Kristo.* » Kiom volas diri la artikolo?

— La aŭtoro pruvas, ke la kristanoj, venkinte la idolanojn en la epoko de Konstanteno la Granda, komencis siavice persekuti la idolanojn; poste ili dividiĝis je sektoj, kiuj atakis unu la alian, kreis religiajn militojn, instituciis inkvizicion, forgesis la ordonojn de la evangelioj k. c. Plue la aŭtoro konstatas, ke neniu volas ami sian malamikon, neniu prezentas sian vizaĝon por ricevi vangofrapojn, neniu volas vivi kiel birdo sen semi aŭ kiel kampa floro, neniu volas rifuzi rigardi fremdajn edzinojn, neniu volas pardoni la ŝuldojn, krom siaj propraj, kaj ĉiu forgesas pri la kamelo, kiu penis transiri la truon de kudrilo.

— Hm... danĝera artikolo, kiu decide malplaĉos al multaj religiemaj esperantistoj. Kia absurdo! La aŭtoro volas pruvi al la kristanoj, ke ili ne estas kristanoj! Se vi prenos la artikolon, via gazeto krevos post la unua numero.

— Kion vi diras? Ĉu eble?

— Nepre kaj absolute! En la nomo de Dio, mi petegas vin! Se vi volas vivi pace kun la esperantistoj, ne presu ĝin! Se vi ne volas surtiri sur vian kapon malbenojn, ne presu ĝin! Se vi volas esti malpartiema, tolerema, neofendema, neinsultema, plaĉema, prosperema, aplaŭdema, ne presu ĝin!

— Sufiĉe, sufiĉe, mia kara, mi ne presos ĝin! Mi ne povas presi ĝin. Estas neeble, ke mi presu ĝin. Mi tuj, tuj skribos al ĝia aŭtoro, ke lia artikolo estas perfekta, perfektega, perfektegega, sed... sed, ke mi ĝin perdis... aŭ pli bone... ĉar li povas sendi kopion... jes, ke la cenzuro ne permesis presi ĝin. Estas feliĉe, ke ni ankoraŭ havas cenzuron en Rusujo. Kaj mi, malsaĝulo, mi ĉiam malbenis ĝin!... Certege, mi tuj skribos al la aŭtoro, ke li sendu al mi poŝtmarkojn por la resendo de lia artikolo.

— Bone, nun kion vi ankoraŭ havas?

Mi eltiris alian artikolon.

— Ni vidu... « *La venko de la proletariaro* ». Kio ĉi estas?

— La aŭtoro volas pruvi, ke ĉar la proletarioj estas la plejmulto de la homaro, estus juste, ke ili donu la tonon kaj la direkton en la leĝoj, en la institucioj, en la vivo; ke ĉar la proletarioj estas la plejmulto de la homaro, estas fatala kaj neevitebla neceso, ke ili nepre venkos la nobelaron kaj burĝaron en la momento, kiam ili komprenos, ke ili estas pli fortaj ol tiuj.

— Ne, ne! ekkrias mia amiko. En la korbon! Multaj esperantistoj tute ne estas proletarioj. La artikolo ofendos la plej delikatajn kaj sanktajn sentojn. Ĉu vi volas levi kontraŭ vi ĉiujn plej fidelajn anojn de la Esperantistujo? Meti malagordon en nian sanktan aferon? Ĉu vi volas atenci la ekzistantan ordon? Propagandi socialismon? Ĉu vi estas socialisto, komunisto, bombisto?

— En ia nomo de ĉiuj sanktuloj, kion vi diras? Mi tute ne volas...

— Tiam en la korbon! En la sterkejon! Skribu pri la sendo de poŝtmarkoj! Aŭ vi pereigos nian sanktan aferon.

— Bone, bone, mi forĵetos ĝin. Mi ekspedos ĝin al la diablo, al la satano, al ĉiuj inferidoj! Pereigi nian sanktan aferon? Kiel terure vi parolas!

— Kion vi havas plie?

— « *La satirusoj de la rusa kontraŭ-revolucio: Maria Spiridonova, fraŭlino Gordon kaj la telegrafistino de Konotop.* »

— Malbone, tre malbone... Se mi ne eraras, oni rakontas tie abomenajn historiojn pri seksa perforto?

— Je...es...

— Kaj vi volas doni legi tiun ĉi malmoralaĵon al la ĉasta mondo de la Esperantistoj? Veneni la senkulpan dormon de niaj delikataj geamikoj, kiuj oferas siajn tagojn por nia sankta afero kaj havas nur la nokton por ripozi? Kie estas via honto?

— Sed... sed la faktoj estas tie tre fidele ekspoziciitaj...

—La faktoj? Ekspoziciitaj? Ĉu oni arogas rakonti ĉiujn faktojn? Ĉu vi rakontas al ia homo, ke lia edzino lin trompas, se tio estus pli ol fakto? Ĉu vi klarigas al via filo, kiel oni konsistigas venenon por mortigi la proksimulojn, aŭ kiel estas la plej facile por fari falsajn subskribojn, aŭ kia estas la plej bona rimedo por trompi en kartludo? Ĉu vi informas vian filinon, kiel rusaj kozakoj perfortas knabinojn? Tio ĉi ankaŭ estas faktoj...

— Fi! Kion vi diras, mia amiko? Mi...

— En la korbon, kara samideano, en la sterkejon!

La lingvo Esperanto estas lingvo, ne malpli, sed ankaŭ ne pli! Nur lingvo! Vi komprenas? Lingvo! Mi tremetis. Maldecidemo kaj timo jen ruĝig s jen paligis al mi la vangojn. Ha miaj artikoloj, miaj karaj manuskriptoj, akiritaj per tiom da tempoperdo... Se la pluaj manuskriptoj havos la saman sorton...

— Kuraĝon, mia amiko, kuraĝon! Se ni demetos la netaŭgaĵon, des pli bona estos la resto. Ni montros al niaj amikoj, kiel ni ŝatas la religiemon, la ekonomian ordon kaj la moralecon, kiel ni estimas la honoron de esperantista gazeto, kiel ni alte tenas la standardon de Esperanto... Nu, kio ĝi estas?... « *La antaŭjuĝoj koncerne la sakarino* »...

— Jes, la temo estas pri la sakarino. La aŭtoro specialisto de tiu ĉi demando, fama kemiisto, pruvas, ke la opinio pri la malutileco de tiu ĉi substanco estas pura antaŭjuĝo aŭ friponeco, utila al sukerfabrikistoj, kiuj timas la sakarinon kiel konkuranton...

— Malbona objekto... danĝera objekto... Prezentu al vi, en Rusujo oni fabrikas ĉiujare 50 milionojn da pudoj, kiuj valoras almenaŭ 300 milionojn da rubloj. Oni ricevas 60 milionojn da rubloj da pura profito, krom 70 milionoj da akcizo, ricevata de la regna kaso. Kion vi volas? La sakarino estas malkara, kaj se ĝi pruviĝos, ke ĝi ne estas malutila, tiam centoj da sukerfabrikistoj de Rusujo ruiniĝos, milcentoj da laboristoj mortos de la malsato, la regna kaso perdos 70 milionojn Mil tondroj! Tio ĉi estas kontraŭregna krimo!... La patrujo estos en danĝero... Kion mi diras? En danĝero estas ĉiuj regnoj de la tuta Eŭropo, de Azio, de Afriko, de Ameriko, de Aŭstralio, de... jes! Via aŭtoro pruvas, ke la sakarino ne estas malutila? Sed tio ĉi estas malutila al Esperanto. Al la diablo! Germanujo malpermesas la uzadon de la sakarino. Belgujo ankaŭ. Rusujo, kiu estas pli liberala, precipe sub la eks-ministraro de Goremikin, permesas uzi ĝin al malsanuloj laŭ la ordono de medicinistoj... Se via aŭtoro stariĝas kontraŭ Germanujo, Belgujo kaj la liberala Rusujo, mi tre bedaŭras la situacion de Esperanto en tiuj ĉi landoj. Same mi tre bedaŭras, ke via aŭtoro ne estas knabino, kiu loĝus en Rusujo: la kozakoj tuj pruvus al ŝi... Postulu poŝtmarkojn! Kion vi ankoraŭ havas?

Mi ne sciis kion diri. Mi premis la reston de la artikoloj al mia br sto kaj rigardis mian amikon kun teruro, kun malespero. Liaj vortoj tranĉis al mi la koron, terure sonis al miaj oreloj kaj tute frakasis min.

Sed li staris malvarma, serioza, severa.

— Kara amiko, se vi volas havi bonan gazeton, multe da abonantoj kaj nemakulitan famon, vi devas havi guston malpartieman, delikatan kaj pacaman. Ĉio politika, aŭ kio povas naski disputojn devas esti malakceptata de la redakcio. Nu, montru al mi la ceteron.

Mi volis ĵetiĝi al la sojlo kaj kuri, kuri, kuri.... Tamen mia amiko dolĉe, sed decideme prenis de miaj manoj la paperujon kaj eltiris la sekvintan manuskripton.

— Ha, versaĵo?

— Jes, mi balbutis, — versaĵo... Sed ne legu ĝin. Al ĝi mankas senco kaj enhavo. Ĉiuj rimoj estas je *ad* kaj...

— Ne, ne! Ni devas esti justaj! — Kaj li legis:

Mia koro kantadas, kantadas, kantadas,
Ĝi kantas laŭte ĉion, kion ĝi sentadas.
Kiam la vento de l' stepo furie bruadas,
Mi amegas la stepon, kaj mi ĝin kantadas.
Kiam la limako sur la herbo rampadas,
Mi amas la limakon, kaj mi ĝin kantadas.
Kiam la kato sur tegmento miaŭdas,
Mi amas la katon, mi la katon kantadas.
Mia koro kantadas, kantadas, kantadas,
Ĝi kantas laŭte ĉion, kion ĝi sentadas.
Aŭdante kiel mi ĉion tion kantadas,
Mi mem ĝojas je ĉi tio, mi mem min kantadas.

— Hm..., — diris mia amiko, — propradire mi nenion havas kontraŭ tiu ĉi versaĵo... Nenia esperantisto sin sentos ofendata... nek religiulo, nek ĉastulo, nek fabrikisto... Kio koncernas la « adojn », oni devas esti tolerema...

Mi rigardis lin furioze En mia varmiĝinta cerbo leviĝis demando, kio estas preferinda: ĵeti al lia kapo la pezan lampon de la skribtablo aŭ ekfrapi lin per la piedo en la ventron?.. Kio estis pli oportuna por meti lin senmova sur la planko? Mi decidis por la piedo.

En tiu momento aŭdiĝis la porda sonorileto. Sur la sojlo aperis la leterportisto Mia amiko malfermis la leteron, promenigis sur ĝi la okulojn kaj donis ĝin al mi.

Mi legis:

Kara frato en Kristo!

Mi bone ricevis vian leteron kun la peto beni Esperanton. Mi tre laŭdas vian pian kaj sagan kutimon direktigi en malfacilaj momentoj — ne al mi, al peka kaj malinda servisto de Dio — sed al humilega riprezentanto de nia plej sankta kaj plej dolĉa greka-ortodoksia eklezio, de kies lumego malhonore kaj mizere blekante forkuras la malbenita judaismo, la porkeca islamo, la malĉasta katolikismo kaj ĉiuj aliaj anatemindaj viperoj de la infero. Kio rilatas Esperanton, ĝi estas efektive bonsona, harmonia, facila lingvo. Sed, ho mia frato en Kristo, ĉu vi ne komprenas kion ĝi celas? Ĝi volas unuigi ĉiujn naciojn per unu parolilo, malfari la barilojn, kiuj estas inter la popoloj, interproksimigi ilin per komuna paca laboro, kunigi la fortojn de la tuta homaro kaj movi antaŭen la progreson, la civilizacion, detruante ĉion malbonan, ĉion malutilan... Ho, pekuloj, pekuloj! Ĉu vi ne scias, ke komuna lingvo jam ekzistis *(Gen. II, 1)*, kaj ke la Eternulo estis kontraŭ tio ĉi? Ĉu vi forgesis, ke Dio diris: « Jen, ili estas unu popolo, kaj ili havas saman lingvon, kaj nenio malhelpas al ili fari ĉion, kion ili projektas. Ni iru suben kaj ni miksu ilian lingvon tiel, ke ili ne komprenu unu la alian ». *(Gen. II, 6-7)*. Sekve Esperanto volas nun fari tion, kion Dio en sia nesuperebla boneco severe malpermesis? Vi volas farigi kontraŭuloj de Dio? Malobei lin kiel Adam kaj Evo antaŭ 7414 jaroj malobeis la ordonon pri la arbo? Ne, mi ne povas lerni Esperanton, mi malbenas ĝin kiel malpiaĵon, kiel tiun serpenton, kiu igis nian avinon Evon akuŝi en suferoj.

Via humilega frato en Kristo
multpeka JOHANO DE KRONSTADT

Apenaŭ mi estis leginta la leteron, mi sentis ke mi freneziĝas. Mi sovaĝe ekkriis, depuŝis de la sojlo mian timintan amikon, preskaŭ ruliĝis de la ŝtuparo, renversinte en la vojo la leviĝintan laktistinon kun du plenaj siteloj, kies blanka enhavo torente ekfluis sur la ŝtupoj, persekutante miajn kalkanojn. En la korto mi suriris la voston de hundo, kiu plende ekbojis. En la strato mi renversis ĉion, kion mi renkontis. La virinoj kriis. La infanoj ploris. La ĉevaloj time blekis. La pasantoj falis surgenue petante indulgon pro siaj vidviniĝontaj edzinoj kaj orfiĝontaj infanoj. Sed mi nenion volis aŭdi — mi kuris. Grupo da kozakoj, kiu tiutempe rajdis — eble por edziĝi — subite haltis en teruro, deĉevaliĝis kaj, farinte signon de kruco, ĵuris, ke ili ne plu

tranĉos la ĝorĝojn de la loĝantoj, ne plu sekcos la ventrojn de gravedaj virinoj, ne plu edziĝos je knabinoj. Sed mi ne aŭdis ilin, mi kuris, kuris, kuris. Alĝalopinte la tombejon, mi puŝiĝis je supertomba ŝtono kaj falis. Tie mi kuŝis longe. Antaŭ miaj okuloj ondiĝis nebulo; surda zumado sonis en miaj oreloj.

— Jes, jes, — murmuretis la zumado. — Oni protestos. Unu estos malkontenta je la religia punkto, alia je la politika, tria je la ekonomiaj temoj, kvara je Esperanto mem. Se vi malaprobos la viziton de la angla ŝiparo, oni krios, ke tio ĉi estas sakrilegio kontraŭ la rusa aŭtokratio, dum vi devas resti neŭtrala kaj ne naski disputojn; se vi parolos en la favoro de Dreyfus, la naciistoj vin postulos al duelo; se vi defendos la verbigon de radikoj per la finaĵo *i*, oni vin nomos falsisto. Vi ne taŭgas por esti eldonisto de gazeto!

Mi ne sciis, ĉu mi perdis la konscion aŭ ne. Sed en la malproksimo mi ekvidis arbuston, kiu brulis. Malgraŭ la flamo, ĉirkaŭkaptinta la arbuston, ĝi ne konsumiĝis, kaj la brulo ĉiam kreskis. Trans la flamo kaj la fumo aŭdiĝis voĉoj potencaj kaj sonorantaj, ĝojplenaj kaj fortaj, kiuj plirapidigis la cirkulacion de la sango en miaj vejnoj. Oni disputis, oni diskutis, oni interŝanĝis opiniojn. Mi sentis, ke trans la brulanta arbusto la vivo ludas kaj ĝojas kiel ĉampano, kaj ĝi tiregis min al si. Mi volis al ĝi, volis for de la tombejo, kaj mi kuris...

Subite el la mezo de la brulanta arbusto aŭdiĝis voĉo:

— Abraham, Abraham, ne apudiĝu tien ĉi! Demetu la botojn de ciaj piedoj, ĉar tiu ĉi loko estas sankta. Mi estas la Genio de Esperanto. Mi promesis konduki ciajn samideanojn al nova lando, kie la libera disputo havos nenian baron. Ĉiuj popoloj, ĉiuj nacioj, ĉiuj homoj kunvenos tien kaj samlingve parolos kaj disputos pri siaj deziroj, pri siaj principoj, pri siaj planoj. Eĉ pri la gramatiko kaj pri la lingvo ĉiuj povos diskuti.

— Konduku min, ho ĉarma Genio! — ekkriis mi.

— Ne rapidu! — daŭrigis la voĉo. — Ci kaj ciaj samideanoj, ricevintaj antaŭ dudek jaroj la sanktan lingvon, kiu havas la mision kunigi la civilizitan homaron, kion vi ĝis nun faris? Vi timas disputojn kaj verkas « adajn » kantojn. Vi havas trezoron, sed vi kaŝas gin en la tero. Vi estas malkuraĝaj, maldankemaj kaj malindaj. Via malbona gento ne vidos la teron, kiun mi promesis. Daŭre kvardek jaroj vi eraros en la dezerto de tiu ĉi tombejo, kie viaj kadavroj restos. Nova kaj forta gento leviĝos sur via loko, kaj ilin mi triumfe kondukos tien, de kie vi ĵus aŭdis la fortan kaj vivoplenan bruon.

Kaj la arbusto malaperis.

Mi ĉirkaŭrigardis.

Neniu plu disputis. La monumentoj staris silente kaj ne disputis. Sub ili, profunde en la tero, kuŝis la kaŝitaj kadavroj, kiuj ne disputis. Neniu disputis sur la tombejo. Inter la herbo vidiĝis grilo, kiu zumis sian kanteton; ĝi kantadis la herbon, kiu balancis siajn dormantajn kapetojn, la nuboflokojn, kiuj naĝis en la ĉielo, la verdajn foliojn, kiuj pendis de la arboj. Kaj neniu disputis: nek la herbo, nek la nuboflokoj, nek la folioj. Neniu disputis sur la tombejo.

— Sekve post kvardek jaroj! — pensis mi, irante domen. — Bonege! Atendu kvardek jarojn vi, nedisputanta Esperanto, vi, silenta tombejo, vi, ĉiokantanta grilo. Ĝis tiam mia gazeto ne aperos. Kvardek jaroj? Tio estas pura bagatelo! Mi havas nun la aĝon de 80 jaroj, ne pli, kaj post 40 mi havos nur 120 jarojn. Belega kaj ĝusta aĝo por fariĝi energia eldonisto de esperantista gazeto!

Veninte domen mi diris al mia servistino:

— Kristino, pretigu la liton, mi iras dormi.

Kristino malfermegis la okulojn.

— Kio estas al vi, sinjoro? — ŝi diris. — Estas ankoraŭ frue. La horloĝo ĵus sonis ok, kaj vi ordinare sidas ĝis la dua horo post noktmezo super viaj esperantistaj libroj.

— Pretigu la liton, Kristino! Ne kontraŭdiru kaj ne disputu! Vi ne havas la rajton disputi daŭre kvardek jaroj. Post kvardek jaroj mi kondukos vin al la promesita tero.

Kristino suspekte rigardis min.

— Ĉu vi permesas al mi inviti la doktoron, sinjoro? — ŝi demandis. — Mi jam delonge diris al vi, ke estas malbone sidi tiel longe super libroj, precipe super esperantistaj... Ankoraŭ Johano de Kronstadt diris, ke...

— Ne disputu, kara Kristino, mi petas vin! Havu iom da pacienco daŭre kvardek jaroj, kaj poste vi povos disputi kiom vi volos. Nun vi povas kanti « adajn » kantojn, Pretigu la liton.

Kristino obeis. Ŝi iris en la dormoĉambron kaj pretigis la liton. Mi malvestiĝis, fermis la fenestrojn kaj kuŝiĝis.

Sed Kristino ne povis trankviliĝi. Ŝi duonmalfermis la pordon kaj demandis:

— Vi dormas, sinjoro?

— Ne ankoraŭ, Kristino! Kion vi volas?

— Tamen mi pensas, ke estus bone inviti la doktoron... vi estas malsana, sinjoro...

— Vi eraras, kara Kristino, mi ne malsanas. Ne disputu kaj fermu la pordon. Bonan nokton, ĝis la maten..., mi volas diri — ĝis la 1946-a jaro.

— Ha, Dio, mia granda Dio! Li perdis la saĝon! Ho ve, kia homo li estis! — aŭdiĝis la murmuretanta plendo de Kristino. — Kia esperantisto pereas! La gazetoj lin ĉiam nomis « konata esperantisto », kaj lia portreto estis eĉ lokita en la Albumo de la Famaj Esperantistoj, kiu kostas ne malpli ol du frankojn ĉe la eminenta firmo Möller & Borel en Berlin! Nun li freneziĝis! Granda Dio! Mi ĉiam diris, ke tiu malbeninda punkto de *i* nepre frenezigos lin. Nun oni ĝin havas!... Vi dormas, sinjoro?

— Kristino, lasu min trankvila, vi enuigas min.

— Mia bona, malfeliĉa sinjoro, mi volas nur demandi, kiam mi devas veki vin?

— Post kvardek jaroj, ne pli frue.

— Post la pordo aŭdiĝis ploro. La bedaŭrinda Kristino ne volis atendi kvardek jarojn.

Kio koncernas min, mi jam dormis. Ĉirkaŭ mi ruliĝis triloj de bela kantado:

*Mia koro kantadas, kantadas, kantadas...*

A. Kofman.

